Etnismo

N-RO 30 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 22.10.1982

# POR SAVI LA ROMANĈAN ETNON

Kiam komence de junio ĉi-jara, oni prezentis la projekton de "interromanĉa lingvo", ellaborita far la zurika profesoro pri latinidaj lingvoj Heinrich Schmid, ne daŭris longe por aŭdi plej ekstremajn juĝojn: "Tiu 'rubomonta Esperanto' estas elpensita far la samaj homoj kiuj kontraŭstaras nuklecentralojn kaj ceterajn progresaĵojn kiuj donas profiton, konkrete: far socialistoj!" Iuj suspektas kiel iniciatinton eĉ la personigitan diablon. Ne eblas kompreni tion ĉi, almenaŭ iomete, se oni ne konas la etoson de la diskutoj pri la sorto de la romanĉa lingvo aŭ, prefere: la kvin romanĉaj dialektoj en la svisa kantono Grizono. (Cetere, la akuzo pri politika ekstremismo surbaze de sugestoj por lingva reformo ne estas nova: Kiam en la jaro 1968 Koldo Mitxelena kaj liaj samideanoj proponis reenkonduki la literon "h" en la unuecigotan vaskan lingvon, iuj kontraŭuloj same vidis en tiu ero pruvon pri la marksismo de la proponintoj.)

Tiuj 50.000 romanĉoj, el kiuj proksimume kvarono vivas ekster Grizono, permesas al si la - principe tre laŭdindan - lukson skribi, jam de jarcentoj, s e s dialektojn: la puteran, la valaderan, la surmiranan, la sutmiranan/sutselvan, la surselvan de protestantoj, kaj la surselvan de katolikoj! Ĉi tia bunteco certe ne ĝenis kiam oni relative malmulte skribis kaj ĝin ne minacis radio, televido kaj amasgazetaro. Pluraj romanĉoj, nature, komprenis ke la 20-a jarcento, ankaŭ per la senĉesa vicego da turistoj alilingvaj, metas antaŭ tiun etnon dileman demandon: aŭ krei kaj akcepti romanĉan interlingvon aŭ ... adiaŭi ĉiujn romanĉajn dialektojn?! Sed la unua kiu

(Daŭrigo en paĝo 2.)




G R I Z O N O, kun 7.109 kvkm la plej vasta el la 23 svisaj kantonoj, havis 164.500 enloĝantojn en 1980. La ĉefaj elementoj de la ekonomio estas bredado, arbarkulturo, hidroelektro kaj turismo. La ĉefurbo estas Cuera/Coira.

kuraĝis proponi unuecigon de la romanĉa, mezlerneja instruisto de Ems apud Chur, perdis sian postenon, kaj aliajn aŭdaculojn oni rekompencis per senfina fluo de moko. Kiam surselvano ion proponis, la valaderanoj aŭtomate malakceptis, kaj inverse. Nu, Schmid regas ĉiujn kvin ĉefdialektojn, sed lin malakceptas iuj grumblante ke la romanĉoj ne bezonas la helpon de profesoro el Zuriko.
Romedi Arquint, la prezidanto de la "Romanĉa Ligo" - kiu ĉiun duan jaron inversigas la sinsekvon de siaj nom-elementoj "Lia Rumantscha"/"Ligia Romontscha" por eviti ofendiĝon de unu el la du plej grandaj dialektanaroj - plene akceptas la projekton de "interromanĉa lingvo", konsideras la naskiĝon de tiu ĉi projekto pruvo de la forto ankoraŭ trovebla en la romanĉa kaj kondamnas la rezignacion esprimatan per la ofte aŭdebla "Ĉiukaze jam estas tro malfrue."
Schmid vojaĝis tra la diversaj valoj de Grizono por konvinki la romanĉojn pri la taŭgeco de la projekto kaj por "konsoli" la engadinanojn (de putera aŭ valadera dialekto) pro la malaperigo de la litero "ü", kaj surselvanojn pro la perdo de la nazalo "ng". La "interromanĉa" ĉefe baziĝas sur tiuj du dialektoj. Jen kelkaj, malmultegaj ekzemploj:

| surselve | surmirane | putere | interromanĉe | internacilingve |
|---|---|---|---|---|
| flurs | flours | fluors | flurs | floroj |
| calcogn | caltogn | chalchogn | chaltogn | kalkano |
| guotta | gotta | guotta | gutta | najlo |
| sera | seira | saira | saira | vespero |
| uaira | ghera | guerra | guera | milito |
| frestg | frestg | frais-ch | frestg | freŝa |
| aunghel | anghel | anguel | aunghel | anĝelo |
| dent | daint | daint | dent | dento |
| mustga | mostga | muos-cha | mustga | muŝo |
| caschiel | caschiel | chaschöl | chaschiel | fromaĝo /kazeo/ |

Kiu uzu tiun lingvon? Precipe la federaciaj kaj kantonaj aŭtoritatoj kiuj nun povas direkti sin al la romanĉoj sen bezoni la germanan, la italan aŭ la ses skrib-dialektojn samtempe; krome, bankoj, asekuraj kompanioj kaj aliaj institucioj ne plu havos motivon tute eviti la romanĉan, ĉar presigi en pluraj lingvoformoj estas tro multekoste. La "Romanĉa Ligo" dolĉigas la medikamenton kiun ĝi receptis al la grave malsana paciento: Oni ne devigos la romanĉojn aktive uzi la "interromanĉan", sed sufiĉos se ĉiuj klopodos kompreni ĝin.

Nu, la problemo evidentas: Ĉu tia operacio estas tiel prudente farebla ke la paciento - t.e. la lingvo - asimilos la novajn sangerojn, aŭ ĉu la tuta organismo kolapsos pro troa fremdeco de la aldonitaj ingrediencoj? La fakto ke tiu ĉi teksto estas skribita en tiu ĉi lingvo principe pravigas tian eksperimenton, sub unu sola kondiĉo: ke "sufiĉe" multaj personoj transprenas kaj simple praktike uzas ĝin!

ETNISMO deziras al la iniciatintoj, al la ellaborinto kaj, precipe, al la a romanĉa etno plenan sukceson por savi kaj refortikigi la romanĉan kulturon!

(Se iu leganto deziras kontakti la koncernatan institucion, jen ĝia adreso: LIA RUMANTSCHA / LIGIA ROMONTSCHA, Plessurstr. 47, CH-6ooo Chur.)

## ĈU KATEDRO PRI LA ROMANĈA EN LA UNIVERSITATO DE ZURIKO?

En la kantona parlamento de Zuriko, la 14-an de junio 1982, la kristan-demokrata deputito Fosco postulis establon de pri-romanĉa katedro en la ĉefurba universitato. La kantona registaro malakceptis tiun proponon argumentante ke (1) surbaze de iniciato de la grizona registaro, oni pensas pri fondo de tia katedro en la Teknika Altlernejo, (2) oni diskutas pri kreo de instituto por romanĉaj studoj en Cuera/Coira, (3) nek la Federacio nek la kantono Grizono, konsekvence, finance subtenos tian projekton, kaj (4) la katdro de profesoro Schmid 5o-procente estas jam dediĉita al la romanĉa.

* * * * * * * * * * *

# SANDINISTOJ, JEZUITOJ KAJ MISKITOJ



Kiam ni publikigis, en ETNISMO 29, p. 6, informojn interalie pri la forpelado de miskito-indianoj far la sandinista registaro de Nikaragvo, ni ĉerpis la erojn el diversaj fontoj. Ĉar intertempe ni povis aliri plian, eventuale pli aŭtentikan fonton, raporton de la jezuita Centramerika Historia Instituto de la katolika universitato de Managvo, ni revenas al la problemo. Kelkaj informeroj prilumas la fonon de la "translokado", aliaj la procedon.




---

NIKARAGVO amplekssas proksimume 130.000 kvadratajn kilometrojn; ĝian enloĝantaron oni taksas en 2,5 ĝis 2,7 milionoj da mesticoj (60 - 70 %), negroj, mulatoj kaj samboj (10 - 15 %), blankuloj (17 %) kaj indianoj (4 - 6 %).

---

IOM DA HISTORIO

Oni supozas ke la miskitoj estas malproksimaj posteuloj de la ĉibĉoj de Kolombio, sed ili multe miksiĝis kun mulatoj, simile okazis al la sumu-indianoj. Ambaŭ grupoj vivas precipe en la nordo de la Zelaya-provinco, dum la rama-indianoj vivas en la sudo. La nombro da miskitoj indikita en la antaŭa numero de ETNISMO (125.000) estas dubinda: La jezuitoj mencias 67.662 miskitojn, 6.741 sumuojn kaj 668 ramaojn. Relative multaj mulatoj troveblas ĉirkaŭ Bluefields, kien, dum la unuaj jarcentoj, la britaj regantoj importis multegajn sklavojn el Ĵamajko.
Dum la miskitoj kaj sumuoj havas proprajn lingvojn, la mulatoj parolas kutime la (Kariban) anglan. Tamen, ekzistas oftaj kazoj de du- aŭ trilingveco: miskita aŭ sumua plus kastilia, angla plus kastilia, indiana lingvo plus angla plus kastilia. Lastatempe pli kaj pli da kastililingvuloj venis en la marbordan regionon. La rasa deveno ne tre gravas por determini la etnanecon, kiun decidas precipe la denaska lingvo.

Dum la hispanidoj preskaŭ komplete ekstermis la indiĝenojn de la Pacifika marbordo kaj de la landointerno, la britoj, kiuj regis la Kariban marbordon, apenaŭ intencis tie longperspektive ekloĝi, sed ili volis komerci kun la indianoj. (Tamen, poste kelkaj britoj instalis vastajn plantejojn kaj, por kultivi ilin, importis la negrojn tra Ĵamajko.) La Moskita marbardo, kun Bluefields kiel centro, restis brita kolonio ĝis la mezo de la 19-a jarcento, kiam la zono estis transprenita far Nikaragvo. Multaj eksterlandaj fir-

maoj instaliĝis en la marborda regiono ekspluatante ĉefe minejojn (oro, kupro, arĝento), arbarojn kaj bananoplantejojn. La regado far eksterlandaj kompanioj kaj ilia "enklavo-kapitalismo" daŭris ĝis la sandinista revolucio. La antaŭa reĝimo sub la diktatoro Somoza neniel zorgis pri la Atlantika marbordo, kiu reaperis en la horizonto de la diktatoro kaj lia apoganto - Usono - nur kiam la revolucio en Kubo minacis infekti aliajn mizerulejojn de la kontinento. La Somoza-reĝimo profitis la religiemon de la tiuzonaj enloĝantoj kaj pentris kri-kolore la komunisman-ateisman diablon Fidel Castro, kaj en 1961, precize de Puerto Cabezas, startis la invadoprovo far usonanoj kaj kontraŭuloj de la nova mastro de Kubo, provo fiaskinta.
8o % de la miskitoj apartenas al la "Hernhuta Eklezio" (husita-protestanta) veninta al Nikaragvo en 1849. Ĝiaj pastroj estis ofte gvidantoj de por-indiĝenaj movadoj. La eklezio aktivis sociale kaj en evoluigaj projektoj. La pastroj de la "Hernhuta Eklezio" estas kutime miskitoj aŭ mulatoj, dum la katolikaj patroj estas ĝenerale usonaj misiistoj ŝajne speciale vakcinitaj kontraŭ la "Kuba danĝero". Dum antaŭe la pastroj kutime plenumis samtempe ŝtatajn funkciojn kaj, do, ĝuis privilegiojn, sub la aktuala reĝimo religio kaj politiko estas klare disigitaj.
La sandinistoj "venkis" en la marbordo preskaŭ senpafe kaj tiom pli miris kiam ili konstatis ke la enloĝantoj konsideris ilin nova okupacianto. Por la marborduloj Sandino havis malpli da prestiĝo ol Georgo Washington.
La ekonomio lamegadis, vojoj apenaŭ ekzistis kaj ĉiukaze malbonstatis. Telefonoj kaj televidiloj ekzistas nur en Bluefields, kaj la radio-informado misfunkcias far la nikaragvaj stacioj, dum la kontraŭrevolucia stacio el Honduro vaste misinformadas la marbordulojn. Abundas medicinaj problemoj malfacilege venkeblaj pro la nesufiĉaj trafikiloj, interalie. Inundoj limigas la eblecojn de agrikulturo. La sandinistoj enkondukis sian oficistaron kiu ne konas la surlokan situacion kaj la mentalecon de la enloĝantoj. Ofte oni volas/devas decidi en Managvo kie la administracio scias eĉ malpli pri la problemoj!
Tute nature, la marborduloj timas kaj malfidas la novajn regantojn, kontraŭ kiuj ilin incitas multaj reakciaj ekleziaj gvidantoj: La semoj metitaj de Somoza kaj Usono "finfine" ĝermas.
Ĉu, tamen, la sandinista reĝimo nenion pozitivan atingis? Nu, ĝi tuj komencis alfabetigi la landon (en 1975 ankoraŭ pli ol 4o % estis analfabetoj), uzante en la marborda zono la kastilian, la anglan, la miskitan kaj la sumuan! Internaciskale la reĝimo estis laŭdata pro tio ĉi. Kvankam la medicinaj servoj ankoraŭ estas deficitaj, tamen okazis jam pluraj kontraŭfebraj kampanjoj, nova malsanulejo estas konstruata en Bluefields ktp. La laŭmarborda stratego estas preskaŭ finita; elektron kaj trinkeblan akvon oni kondukis en aron da malproksimaj distriktoj. La ŝtata distribuado de bazaj nutraĵoj provizas eĉ plej forajn vilaĝojn kaj evitas altegajn prezojn kaŭzitajn de spekulado.
La marborduloj ne vidas en la sandinistoj la savantojn: Antaŭe apenaŭ ekzistis soldatoj en tiu regiono; nun, pro la streĉiteco kun Honduro, amaso da sandinistaj soldatoj troveblas en norda Zelaya, kaj ili preskaŭ tute ne parolas angle aŭ miskite. La novaj mastroj, el sia klasisma ideologio, ignoras la gravecon de etnaj diferencoj kiuj estas ofte pli decidaj ol la ekonomiaj.

STEADMAN FAGOTH MUELLER KAJ LA "MISURASATA"

La lokon de la asocio "ALPROMISU" (t.e. "Alianco por la Subteno al Miskitoj kaj Sumuoj"), kiun la sandinistoj akuzis pro laŭdira neintegriĝemo en la novan Nikaragvon, prenis nova institucio sub la nomo "MISURASATA" (t.e. kunigo de miskitoj, sumuoj, ramaoj kaj sandinistoj), kies estro fariĝis Stedman Fagoth Mueller, juna, ambicia miskito el la apudeco de la Koko-rivero, studinta en la universitato de Managvo. Li gajnis vastan influon inter la miskitoj, estis ilia reprezentanto en la "Ŝtata Konsilantaro" kaj pretendis koni la solvojn de ĉiuj problemoj de siaj adeptoj. La registaro enkondukis dulingvan instruadon por mulatoj kaj miskitoj (kas-



# Odiseado de MISURASATA-gvidanto

Brooklyn RIVERA estas 3o-jara intelektulo miskita, kunfondinto de "MISURASATA", eĉ ties kunordiganto, liberigita post plursemajna aresto en 1981, li ankoraŭ estis kontraŭulo de la ideo batali kontraŭ la sandinistoj. Rivera ricevis eĉ minacajn leterojn de la Fagoth-homoj el Honduro kiuj akuzis lin pro ... kunlaborado kun la registaro! Kiam evidentiĝis la malsukceso de lia "sendependula" provo atingi vilaĝo-aŭtonomion kaj grundo-rajtojn por la miskitoj, li fuĝis en aŭgusto 1981 al Honduro, kie oni enkarcerigis lin. Kiam li, nur dum novembro, alvenis en la tendaroj de la fuĝintaj miskitoj, li ĉeestis ribelon de 8o junaj miskitoj kontraŭ Fagoth: Ili ja pretis prepariĝi soldate, sed ili malakceptis kunlaboron kun la Somoza-soldutoj. Fagoth elĵetis ilin, kaj dividiĝis "MISURASATA". La "herezuloj" formas opozicion kun Brooklyn Rivera, kaj - laŭ ties diro - Fagoth perdas la subtenon flanke de la miskitoj troviĝantaj en la honduraj kampadejoj. Sed la hondura reĝimo apogas lin, tiel ke Rivera denove enkarceriĝas en februaro 1982 por esti ekzilita iom poste.

Rivera reaperis ĉi-junie en loko kaj kun homoj surprizaj: inter Edén Pastora kaj pluraj eksministroj de la sandinista reĝimo, en Bono (FRG). En intervjuo far "die tageszeitung" (Berlino), Brooklyn Rivera akuzis la nikaragvan registaron pro murdo de 76 ministoj de Morobila (okcidente de Puerto Cabezas) kunlaborintaj supozeble en 5oo uncoj da oro fare de Fagoth-subuloj. Li krome asertis ke inter la manifestaciintoj kaj batalintoj en diversaj lokoj de Zelaya estis neniu somozano, sed nur junaj miskitoj! Rivera absolute neas kian ajn planadon de la translokado, kiun li interpretas kiel tujan reagon kontraŭ popola sinlevo. La intervjuato diris ke el la 4o.ooo miskitoj de la tilie/angle kaj kastilie/miskite), sed "MISURASATA" pliintensigis la kontraŭreĝiman propagandon, postulis kvin seĝojn en la "Ŝtata Konsilantaro" kaj reprezentanton en la registaro kaj regionan aŭtonomion. (Tamen, la "Projekto '81" de "MISURASATA" komplete neglektis la mulatojn kaj mesticojn!) Sur la fono de la ĵusa enoficiĝo de prezidento Reagan kaj lia eksplicita deklaro ke li celas elimini la sandinistan reĝimon, ne tiom malfacilas kompreni la suspektojn de la nikaragva registaro koncerne separatismon kontraŭsandinisman ĉe la adeptoj de Fagoth. Li kaj liaj kunuloj estis arestitaj la 18-an de februaro 1981, kaj la marborduloj protestadis kontraŭ la aresto, el kiu liberiĝis baldaŭ ĉiuj escepte de Fagoth. Tiutempe laŭtakse 3.ooo miskitoj fuĝis tra la Koko-rivero al Honduro timante persekuton en sia hejmlando. Translime ilin atendis la soldutoj de la Somoza-adeptoj malkaŝe prepariĝantaj por la kontraŭsandinista invado de Nikaragvo. Dum manifestacioj kontraŭ la aresto de Fagoth okazis diversaj interbataloj kaj mortis kvar sandinistaj soldatoj kaj kvar miskitoj. Evidente pluraj membroj de la "Hernhuta Eklezio" perfekte sciis pri la planoj de "MISURASATA" fondi apartan ŝtateton en norda Zelaya kaj ke Usono suvenciis tiun projekton kaj aliajn malstabiligaĵojn per 19 milionoj da dolaroj! Ĉu mirige ke la sandinistoj ne speciale fidis la miskito-organizojn? Pro la proksimegeco de multaj miskito-vilaĝoj apud la limo kun Honduro kaj pro la konstanta penetrado de kontraŭrevoluciuloj, la nikaragva registaro decidis, jam dum februaro 1981 translokí la plej multajn enloĝantojn de la vilaĝoj apud la Koko-rivero. Oni informis la koncernatojn kaj klarigis al ili same la motivojn kiel la planatan proceđon, tamen, sen diri la daton. Laŭ la raporto de la jezuitaj historiistoj - ni entute nur resumas ĝin - la registaro havis absolute neniun alternativon! La usona gazetaro enmondigis plej absurdajn "klarigojn" de la translokado: La enloĝantoj ne vidu la alvenon de la sovetaj MIG-aviadiloj en Puerto Cabezas!

(Daŭrigo de "Odiseado ...")

Koko-rivera zono 12.000 fuĝis el Honduro, 9.000 troviĝas en la sandinistaj "koncentrejoj" de "Tasba Pri" (miskitalingve: "laŭdata lando") kaj certe multegaj miskitoj estis murditaj far la sandinista armeo. Rivera konfirmas ke la nikaragvaj soldatoj pafis kontraŭ la fuĝemuloj kaj ke oni vidis multajn kadavrojn flosi sur la Koko-rivero. Tiuj kiuj estas en "Tasba Pri" rajtas diri nur tion kion permesas elbuŝigi la soldatoj, asertas Brooklyn Rivera, en la honduraj rifuĝejoj estas la homoj kiuj povas rakonti pri la kruelaĵoj faritaj de la sandinistoj.

La intervjuanto klopodis montri al la iama adepto de Fagoth sinkontraŭdirojn, sed senefike. Kiu atestos ke la kadavroj de miskitoj sur la Koko-rivero ne estis viktimoj, jes ja, de sandinistoj, sed antaŭenpuŝitaj de trans la limo? Laŭ Rivera, en la novaj vilaĝoj de "Tasba Pri" troveblas homoj el nur du komunumoj de la supra Koko-rivero, dum ĵurnalisto de "die tageszeitung" en marto de ĉi tiu jaro parolis tie kun diversaj personoj el aro da aliaj komunumoj .....

Ĉu la termino "koncentrejoj" estas pravigebla? Evidente ke ne. La aliro estas absolute libera, same la interparolado. Pro la militeca situacio la translokitoj devas havigi al si permeson kiam ili deziras forlasi la regionon, sed tiun permeson ili akiras sen malfacilaĵoj.

Kion kaj kiun kredi?

Se vi, legantoj de ETNISMO trovas iujn ĉi-temajn informojn, bonvolu ilin komuniki al la redakcio por diskonatigo.

(Daŭrigo de la ĝenerala artikolo.)

Neniu miskito vidus tiajn aviadilojn en la foraj vilaĝoj, kaj en Puerto Cabezas okazis neniu translokado.

La efektivigo de la translokado okazis kun ampleksa helpado far la "Sandinista Junularo", kaj la translokitoj senescepte laŭdis la subtenon ricevitan dum la grandparte penega marŝado. Tamen, la armeo utiligis ankaŭ helikopterojn kaj aviadilojn kaj veturilojn por transporti malsanulojn, gravedulinojn kaj malgrandajn infanojn. Kompreneble, la translokitoj estas tristaj, indignitaj pro la perdo de siaj dometoj, objektoj kaj bestoj, kiujn la armeo plej ofte bruligis respektive mortigis por eviti rezervojn por la somozanoj.

La novaj vilaĝoj situas inter La Rosita kaj Puerto Cabezas. La etoso estas plej bona en la malgrandaj lokoj, kie jam revideblas miskitaj dancadoj. Ĉie disponeblas malsanulejetoj, en ĉiu vilaĝo estas minimume unu kuracisto, pluraj flegistinoj kaj apoteko. Ĉie estas almenaŭ provizora lernejo, kun instruisto miskita, kaj ĉie okazas hernhutaj kaj katolikaj diservoj. La sanitaraj instalaĵoj ŝajnas sufiĉaj, sed oni konstruas pliajn.

Konklude, la raportistoj atentigas pri tio ke estonte la nova reĝimo devas akcepti kulturan pluralismon, enkonduki ian administracian aŭtonomion (kiam la militminaco el Honduro ne plu ekzistos) kaj ĉiel plenumi la promesojn donitajn al la miskitoj.

* * * * * * * * * * *

# KONCIZE EL.....

**BREST.** En 1981 jam 5,74 % el ĉiuj franciaj abiturienteco-kandidatoj elektis regionan lingvon kiel ekzamenfakon, dum dek jarojn antaŭe estis nur 2,39 % (en absolutaj nombroj: 8.261 kompare al 3.163). Pli ol tri kvaronoj estis okcitanoj, la duan lokon okupas bretonoj, la trian korsikanoj, la kvaran katalunoj, kaj la lastan, kompreneble, vaskoj: 195.

**MONTPELLIER.** Fine de julio 1982 tie ĉi okazis la kongreseto de AIDMLK. Raportis partopreninto ke la kunveno estis ne tre bone organizita, ke scivole atendata prelego ne okazis pro kverelo inter la urbestro kaj la prelegonto, ke AIDMLK ankoraŭ havas la malnovan prezidanton (Jordi Costa), sed novan ĝeneralan sekretarion (Alain Nouvel, okcitano), ke la ekstreme aktiva vicsekretario Yvo Peeters ne estis reelektita (pro kaŭzoj ne konataj al tiu ĉi redakcio) kaj ke, krome, oni diskutis multajn raportojn kaj rezoluciojn direktitajn al la kutimaj aŭtoritatoj .....

# MANUEL DE PEDROLO:
# SE AL ILI ONI TANAS LA HAŬTON...

Mi memoras ke iam mi vidis dokumentaĵon pri eksterordinaraĵoj okazintaj en ekzotikaj lokoj kaj kiel la parolisto diris: "Nekredeble, ĉu? Sed certe." Kaj ne malpli certa estas, kvankam ankaŭ ĝi ŝajnas nekredebla, tiu fabeleca Monda Konferenco pri Kulturaj Politikoj kiun organizis UNESKO en Meksiko. Nekredeble, sed certe estas ke la reprezentataj landoj interkonsentis ne ĝeni unu la alian, t.e., ĉar la interesoj estas kontraŭstarantaj, ne diri ion substancan, fari ke la Konferenco estu iu plia el tiom da ili en kiuj oni elspezas monon, tempon kaj energion, en kiuj oni manĝas kaj trinkas, kaj iuj, se konvene, serĉas "vilon kie estas plezurô", sed oni nenion serioze diskutas, nek tuŝas gravajn problemojn, nek tuŝas, almenaŭ je la bezonata profundeco, iun problemon.
Estas certe tre malkâse kaj tiel pli lernige ke antaŭ ol okazigi kunsidon kunvokitan kun klarigaj celoj oni interkonsentas ke pligravas, ol atingi rezultojn, ne treti sur la piedojn de tiuj kiuj, kontraŭe, havas la bonan kutimon treti sur la piedojn de aliaj. Ĉar, gelegantoj, en tiu konferenco pri kulturaj politikoj ŝajnas ke oni vidis neniun reprezentanton de la mergitaj nacioj, de la nacioj sen ŝtato - tiu nigra besto de la nacioj kiuj ĝin posedas kaj ne volas ke ĝin posedu la senproprietigitaj etnoj (*), la aŭtentikaj damaĝitoj en la tero; tie estis la eternaj mastroj de la destinoj de milionoj /da homoj/ kondamnitaj far ili al la kultura malapero. Ĉiuj granduloj de la tero tie kunvenintaj, en foresto de la eternaj damaĝitoj, tiuj sen voĉdonrajto, tiuj kiuj age-neage povas havi eĉ ne nacion kaj devas kontentiĝi (legu la Konstitucion aŭ demandu la vicreĝon) per "loapumita" nacieco (**).
Kaj nekredeble, aliflanke, estas ke speciale la hispanoj kaj la francoj leviĝas indignitaj, kun la karakteriza gesto de gvidantoj de popoloj, kontraŭ la kultura koloniigo kies viktimoj ili estas. "Monsieur" Lang, la franca fakministro, senmemora pri serio da malagrablaj realaĵoj, forgesis la bretonojn, korsikanojn, okcitanojn, niajn katalunojn malliberigitajn en la retoj de ŝtato kiu deklaras ke tie ekzistas nur unu kulturo, tiu de "oil", kiu ne signifas oleon, kvankam multe da ĝi estas verŝita en la fajron, sed "jes" kaj, en ĉi tiu kazo "ne" al la aliaj kulturoj, kiuj ankaŭ havas sian "jes", sian "oc"(***). Ne postrestis, kompreneble, la kultur-ministrino de la hispana ŝtato, kiu eĉ antaŭenpuŝis sin al la bataloj deklarante la tagon antaŭ la inaŭguro, kaj mi laŭvorte reproduktas el AVUI (****) de la 25-a de julio: "Se la grandaj potencoj ne moderigas sin en sia politiko de kultura ekspansio, ili povas nuligi la kulturan identecon de aliaj popoloj." Kleraj kaj sanktaj vortoj en la buŝo de oficiala reprezentanto de kastilia Hispanio kiu penetris, ne pace, la aliajn kulturojn duoninsulajn kaj ilin velkigadas, kiel povas percepti kiu ajn kun iomete da bona fido kaj observa kapablo rigardas ĝis kiu stato (sen ŝtato) oni reduktis nin.
Estas belege ke ministro de la hispana ŝtato estas konscia pri tio ke "ĝia" popolo havas kulturan identecon (nacian) kaj ke necesas defendi ĝin kontraŭ la ne leĝigita penetrado far la kulturoj de la grandaj ŝtatoj, kaj samtempe donas ekzemplon de modesteco ekskluzivante Hispanion de tiu grandeco, kiun oni antaŭ tute ne longa tempo predikis al ni tagon post tago, kaj oni predikis ĝin al niaj infanoj dirante al ili ke esti "hispano" estas unu el la malmultaj seriozaj aferoj en la mondo, kiel pretendis la politikaj kateĥismoj de la ĵus relative mortinta frankisma reĝimo. Sed ŝajnas ke tiu kiu

---

(*) La redakcio ŝanĝis "naciecon" en "etnon", ĉar la unua termino, malgraŭ sia universala uzo en multaj lingvoj, estas komplete miskompreniga, se oni celas grupon da homoj kaj ne la fakton formi nacion.

(**) La "LOAPA" estas hispana leĝo-projekto per kiu oni volas malgrandigi la kompetentecojn de la aŭtonomaj komunumoj. (Kastilie: Ley Orgânica de Armonización del Proceso Aûtonómico.)

perceptas misuzon devas vidi ĝin ankaŭ kiam tiu aktive praktikas ĝin anstataŭ esti la viktimo kies haŭton oni tanas. Bone estus se la ministrino nun, reveninte de tiu kunsido tiom malstreĉa kaj fortikigita kun la mediteraneuloj, kiu malkovras la konferenc-ferman deklaracion kiam ĝi diras, ekzemple, ke "la kulturon oni povas konsideri kiel la tuton de diferencigaj trajtoj spiritaj kaj materiaj, intelektaj kaj afekciaj kiuj karakterizas socion aŭ socian grupon", - bone estus, mi diras, se ŝi, sen neglekti la batalon kontraŭ la anglosaksaj influoj kiun ŝi jam faras, pensus iomete pri tiuj malfeliĉuloj kiuj ne ĉeestas la internaciajn konferencojn kaj oficiale ne ekzistas (mi memoras ke mi havas neniun dokumenton, en kiu oni dirus ke mia nacianeco estas la kataluna) kaj se ŝi premus, per sia ofico, por ke ni vidu nin, unuapaŝe direkte al la totala reakiro de nia libereco kiel popolo, liberigitaj de organaj kaj neorganaj (***) leĝoj kiuj ŝanĝadas nin en fosiliojn de tre proksima morgaŭo.
Ni volus fidi ŝin, kaj tiel ni atendas tion de ŝia graco, kiel oni kutimas diri fine de oficiala petskribo. Kaj mi pardonpetas se al ĝi mankas la koncerna stampo.

AVUI, 15. 08. 1982
(Elkatalunigis:
Joan Inglada i Roig)

---

(***) La franca vorto por "jes" estas "oui", kaj ĝi evoluis el la latina de la frua mezepoko "hoc ille (fecit)", kiu signifas laŭvorte "tion tiu (= li) faris" kaj estas konfirma respondo al la demando: "Hoc ille fecit?" El "hoc ille" ŝrumpis la malnov-franca "oïl" kaj la aktuala "oui", dum en suda Gaŭlio la latinidiuloj konfirme diris nur "hoc", el kiu rezultis mezepoke "oc" (ankaŭ uzata tiutempe en Katalunio) kies modernajn derivaĵojn "ð", "yð" kaj "ðy" oni renkontas nur en malmultaj regionoj. La normala konfirmo estas nun la franca, kiel en Katalunio la kastilia. La esprimo "langue d'oc" (t.e. "lingvo de 'oc'/-dirado/") naskis la regiono-nomon "Languedoc" (ĉirkaŭ Montpellier) kaj, finfine, la neologismon "occitan / Occitanie" (t.e. "okcitana / Okcitanio").

(***)AVUI estas la unua post-frankisma, nun jam ne plu sola taggazeto komplete presita en la kataluna lingvo. (ETNISMO 13 / 15. 06. 1976 represis la titolpaĝon de la unua numero de AVUI.)

(***)Aludo pri la jura termino de "organa leĝo", kiu - sub la Konstitucio - havas plej altan rangon inter la leĝoj.

* * * * * * * * * * *

# KONCIZE EL .....

<u>LAUSANNE.</u> Laŭ informo de "Neue Zürcher Zeitung" (NZZ) de 08. 07. 1982, aperis la libro "LA ROMANDIE DOMINÉE" (t.e. "superregata franclingvio de Svislando") far Alain Charpilloz kaj Geneviève Grimm-Gobat en la eldonejo Editions Pierre-Marcel Favre, Lausanne. La NZZ-recenzinto diras ke la libro enhavas apenaŭ ion esence novan kompare al la verko de Roland Béguelin, la plej konata aktivisto de la "Ĵurasa Movado" kiu sukcesis starigi apartan kantonon Ĵuraso disde la kantono Berno. NZZ kritikas la libron precipe pro la pledado por anstataŭigo de la kantonoj per etno-teritorioj de Svislando (do: grizona, itala, franca kaj germana) kaj pro la laŭdira tordado de faktoj (kiujn ni tie ĉi ne povas kontroli). Komente ni demandas ĉu la ideo de la libro-aŭtoroj pri "latina" veto-rajto, en tut-svisiaj aferoj, kontraŭ germanlingvula plimulto vere tiom kontraŭus la bazajn principojn de demokratio? Fakte, en etno-/lingvo-rilataj problemoj necesegas modifoj de la simpla nombro-principo, ĉar malgraŭ kiom ajn da diskutado la aparteno al etno aŭ lingvogrupo ne ŝanĝiĝas!

<u>MÜNSTER.</u> En la vestfalia ĉefurbo (FRG) ĉi-junie finiĝis unua kurso pri la loka formo de la platdiĉa organizita de "Plattduetsken Spraokschool". Partoprenis 54 personoj el plej diversaj sociaj tavoloj kaj aĝoj. Nova kurso komenciĝos ĉi-novembre.




Ĉi-somere abundis en Vaskio manifestacioj kontraŭ la LOAPA, tiu leĝprojekto por la laŭdira harmoniigo de la aŭtonomio-procezo. La naciistaj partioj de Vaskio kaj Katalunio protestegadas timante esencan limigon de la respektiva memregado far la socialistoj kaj centruloj interkonsentintaj en Madrido.

# (MAL-)FELIĈE.....

La 3o-an de septembro 1982, en Norda Vaskio kaj sub la fotiloj kaj kameraoj de multaj diverslandaj ĵurnalistoj, dek homoj - sen maskoj kaj malkaŝante siajn aŭtentikajn nomojn - deklaris la finon de ETA VII (politika/militista branĉo): "La armila batalado kaj ETA, kiuj en certa momento estis necesaj por Vaskio, nun jam estas plenumintaj sian rolon kaj ne plu havas ekzistorajton." Laŭ ili, la leĝigo de la statuto de aŭtonomio markis la decidan turnopunkton, ekde kiu la armila batalado perdadas popolan subtenon. Tiuj dek personoj profitos la oferton de la Madrida registaro, ke rajtas forlasi malliberejojn respektive reveni el ekzilo tiuj ETA-membroj kiuj ne mortigis kaj deklaras forlasi la armilan bataladon, kaj viciĝos inter la aktivistoj de **EUSKADIKO EZKERRA** (t.e. la "Maldekstro de Vaskio"), kies ĉefrolulo estas Juan María Bandrés Molet. Li, la sola EE-deputito en la hispana parlamento, atingis, intertraktante kun la ministroj pri internaj aferoj de Vaskio kaj de Hispanio, la menciitan amnestion. Estas plej kompreneble ke EE (kun kiu fandiĝis la plej granda sektoro de la Komunista Partio de Vaskio) juĝis la mem-malfondon de tiu ETA-branĉo kiel "finon de la mito de ETA" kaj kiel "paŝon direkte al la paciĝo". Sed --- tagon poste ETA VIII (p/m) nomis la dek geulojn "ridindaj perfiduloj" parolantaj en nenies nomo. Laŭ ETA VIII (la romia numero signifas la asembleon en kiu tiu grupo havis plimulton), konsideras la "malfondon" sinofero kaj "necesa fum-kurteno" por ke povu daŭri la subpremaj aktivecoj de la hispana ŝtato, kiu efektivigas imponan atakon centrisman kontraŭ la demokrataj kaj naciaj liberecoj de la vaskoj. ETA VIII substrekas ke ĝi ne plu subtenos EE kaj daŭrigos la bataladon armilan.

Sendube estas dezirinde ke finiĝu la atencoj farataj de la diversaj ETA-branĉoj! Tamen: Ĉu finiĝis la politika kaj armila subpremo de la vaska libereco? Bedaŭrinde, NE.

---

La ĉi-apuda foto (pruntita el EGIN) montras parton de tiuj ETA VII-anoj deklarintaj sian rezignon pri armila batalado por daŭrigi politike .....



# UTILAJ SPERTOJ

Ĉar la ferioj estas preskaŭ la sola tempo kiam eblas propraokule, surloke informiĝi kaj kolekti materialojn pri la aktuala situacio de etno, mi ankaŭ ĉi-somere pasigis kelkajn tagojn en EUSKAL HERRIA, t.e. Vaskio. Pro la ĝeneralaj ferioj, en la sidejo de la vaska registaro, en Gasteiz / Vitoria,



# «Etnismo», boletín informativo en esper
# de los pueblos amenazados

SAN SEBASTIAN (EGIN).– «Etnismo» es un boletín en esperanto, que aparece tres o cuatro veces al año, editado por el «Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj», cuya traducción es: «Comité Internacional para las Libertades Etnicas». El comité, creado hace cuatro años, recoge información sobre las minorías étnicas, la difunde, interviene en instituciones internacionales en favor de los pueblos amenazados y aboga por la utilización del esperanto en las relaciones inter-étnicas. Uwe Joachim Moritz, uno de sus integrantes y factotum de «Etnismo», ha realizado una corta visita por Euskadi, aprovechando sus vacaciones de profesor de castellano en el Instituto de Enseñanza Media de la ciudad alemana de Eschweiler. El objetivo, como puede suponerse, ha sido mitad festivo y mitad indagatorio sobre la realidad vasca, tema que ha aparecido en múltiples ocasiones en «Etnismo».

*Agosto no es el mes más adecuado, pero he venido con la intención de recabar información sobre lo que ha ocurrido desde 1978 hasta ahora, un periodo importante. Yo ya había estado aquí hace nueve años.*

¿Y qué cambios ha detectado a primera vista? *No sabría qué decirle. Quizás será mejor que le cuente algo que me ha pasado. Esta mañana viajaba en el coche con mi esposa catalana y mis dos hijos de catorce y dieciséis años entre Urretxu y Azkoitia. Y nos hemos encontrado con un control de policía, uno de los "mejores". Tenían rifles por todas partes. Nos han dicho: Salgan del coche, pónganse de cara a la roca y no hablen. En el registro del coche han encontrado bastantes papeles de Herri Batasuna y se los han quedado, asegurándome que eran ilegales que no tenían pie de imprenta.*

*Sin embargo yo sólo llevaba un ejemplar de cada título, para informarme y mostrárselos a mis alumnos. Me gustaría protestar, aunque o creo que tenga mucho sentido. De todos modos creo que voy a escribir al Goberno Civil para que conste.* Así que... *Pues eso, que ha cambiado algo pero no ha cambiado todo. Hace nueve años también me pararon en un control por llevar una ikurriña, que tuve que destruir, pero en comparación con lo que me ha sucedido hoy, entonces fue todo más suave. Por lo menos no me cachearon de cara a la roca, ni hicieron semejante alarde de armamento.*

El esperanto nació en Varsovia en 1887 cuando todavía era ciudad rusa. Un oculista, Zamenhof, publicó una pequeña gramática que al poco tiempo se tradujo a otras lenguas. En 1905 se celebró el primer congreso internacional de esperantistas. Desde entonces cada año se realiza un congreso universal. El movimiento está presente en los cinco continentes, aunque la cifra de personas que engloba es muy difícil de precisar: *Sinceramente, no sabría qué decirle. Se habla de un millón, de ocho millo-*

Uwe Joachim Moritz e
(Comité Internacional p

*nes, de dieciséis mill*
*nas. Las dos últimas*
*cen desorbitadas, aun*
*cierto que sería nece*
*entre los que lo han*
*que lo practican o los*
*alguna organización.*
caso, parece que est
tado en Europa, *¿*
*luego. Creo que esto*
*car por las pequeñas*
*nuestro continente, p*
*mero de lenguas que*
*y por el nivel cultural*
*el reto que supone el*
*comunicación lingüíst*

La más importante
zacines esperantistas
ción Universal del E
sede en Rotterdam.
pretende la máxim
política, cosa que no
Comité Internacional
bertades Etnicas. Mo
cuidado en diferencia
nismos. *Nuestro comi*
*mente político, no pu*
*modo porque el prob*
*un problema político.*
*rio, en la asociación*
*nada la política, salv*
*a nivel inter-estat*
puede darse el caso d



Etnismo

N-RO 27 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 28.08.81



**OKCITANIO**

Kiam François Mitterand ankoraŭ ne estis prezidento de la Franca Respubliko, li responde al aro da demandoj prezentitaj far la Instituto de Okcitanaj Studoj interalie skribis ke liaj celoj ampleksas plenigi da realo la sloganon "VIVI, LABORI KAJ DECIDI EN LA LANDO MEM!" Ni vidos ..... Legu informojn pri la situacio de Okcitanio en paĝoj 14 - 17.

**EŬSKADIO**

La hispana registaro, interkonsente kun la ĉefa opozicia partio, volonte nomas la novan reĝimon "ŝtato de la aŭtonomioj". Sed kiu decidas pri la amplekso de la regiona memstareco? La centristoj! Mortis unu el la plej fervoraj batalantoj por vaska sendependeco. (Paĝoj 12 kaj 13)





Krome, ĉi-numere vi legos pri:
- etnoj en Hungario / germanoj kontraŭ igorotoj (p. 2) - katalunoj (p. 3 - 5) - tipologio (p. 6 - 8) - Bruselo (p. 9 - 11) - iluzioj (p. 18/19) - unu el la eraroj de ETNISMO (p.22/23) - koncizaĵoj (p. 8 kaj 23) - IKEL (p. 24)

**CIGANOJ**

Ciganajn ĉarmon, melodiojn kaj dancojn ni pajoj aplaŭdas ... por poste persekuti kaj malhonorigi tiun unikan en Eŭropo popolon. (P. 2o/21)



**Una de las portadas de "Etnismo", que se hace eco de la muerte de Telesforo Monzón**

neniu altrangulo estis trovebla, krom la interesa ĉefo de la redakcio de "Euskal Herriko Agintaritzaren Aldizkaria" (t.e. "Oficiala Bulteno de Vaskio"). Tiu homo estas "nov-eŭskerulo", do lerninta la eŭskeran antaŭ mallonga tempo, kaj nun li faras ĉiujn tradukojn en la eŭskeran de la publikigotaj tekstoj. En Arantzazu mi renkontis P. Luis Villasante, la prezidanton de la Vaska Lingvo-Akademio, kaj Koldo Mitxelena, la dojenon de la eŭskeristoj, kiu, cetere, regule legas ETNISMO-n (kvankam li ne aktive regas la Internacian Lingvon). En Bilbo mi vizitis la sidejon de HERRI BATASUNA, la ekstreme maldekstra kaj vaskista partio (jure: balot-koalicio) kiu politike defendas tiujn celojn kiujn, armile, provas atingi ETA (m/ilista/). Tie mi ricevis, laŭ mia peto, amaseton da plej diversaj materialoj ... En Zarauz mi konversaciis kun Xabier Arzalluz, la prezidanto de EUZKO ALDERDI JELTZALEA, la Vaska Naciista Partio. Kiam mi iris al la redakcio de EGIN, estis mia intenco kolekti informojn el la vidpunkto de ĵurnalistoj kiuj laboras malantaŭ fenestroj protektataj per fortikaj dratmaŝaroj. Sed rezultis la malo: Ili intervjuis min pri IKEL kaj ETNISMO kaj la Internacia Lingvo! Jen ĉi-apude la artikolo aperinta tri tagojn poste, en kastilia lingvo. La artikolo resumas la celojn de IKEL kaj ties agadon, mencias kelkajn plej bazajn faktojn pri Esperanto, la Universalaj Kongresoj kaj UEA, la Movado en Vaskio kaj Katalunio, kaj skizas okazintaĵon de la sama mateno karakterizan por la daŭra etoso en tiu lando: Miaj edzino kaj gefiloj kaj mi falis en polican kontrolon ("Guardia Civil"), dum kiu mi devis momenton stari kiel en krimfilmoj por ke oni palpu min de piedo ĝis kolo serĉante armilojn kaj dum kiu ni kvarope pasigis duonhoron rigarde al la roko, kun pluraj mitraletoj ĉirkaŭe; post trafosado de la kestoj kaj mansako kaj post notado de ĉiuj pasportaj elementoj - dume la policistoj diris ripete ke ni nek turnu nin nek parolu - la grup-estro (ĉu oficiro?) eksplikis al mi ke la posedo de la supre menciita materialo (precipe de HERRI BATASUNA kaj similaj organizaĵoj) sufiĉas por aresto pro la kontraŭleĝeco de tiuj presaĵoj; nu, ni ne estis arestitaj, sed nur avertitaj ... Cetere, la policistoj pacience trarigardis diversajn numerojn de ETNISMO, ankaŭ iujn kiuj enhavas ne tre flatajn fotojn pri iliaj kolegoj. Mi estas certega ke ili komprenis multe malpli ol Mitxelena, bedaŭrinde!

Kial mi raportas ĉion ĉi? Ĉar mi pensas ke la menciitaj kontaktoj estas ekstreme utilaj por la firmiĝo de la INTERNACIA KOMITATO POR ETNAJ LIBERECOJ. La artikolo en EGIN montras ke, en la koncernataj medioj, oni tute ne ignoras nin, se ni parolas sur la sama ondolongo kiel ili, kiel iliaj kuzoj, sentrude kaj sen egoismo. Se, krom ĉio, rezultas el tia kontakto informado pri ni, perfekte!

ujm

---

**egin** jueves, 26 de agosto de 1982

# ...anto a favor



...integrante del "Internacia Komitako por Etnaj Liberojoj" ...ra las Libertades Etnicas) y motor del boletín

(Foto Imanol)

*...nes de perso-*
*...ifras me pare-*
*...ue también es*
*...rio diferenciar*
*...aprendido, los*
*...que militan en*
... En cualquier
... más implan-
...o? *Sí, desde*
*...e puede expli-*
*...imensiones de*
*...r el gran nú-*
*...onviven en él*
*... que evidencia*
*...roblema de la*
*...ca.*
... de las organi-
...es la «Asocia-
...peranto», con
...n su seno se
... neutralidad
... sucede en el
... para las Li-
...itz pone buen
... ambos orga-
*...é es explícita-*
*...de ser de otro*
*...ema étnico es*
*...Por el contra-*
*...se trata para*
*... la lingüística*
*...l.* ¿Entonces
... la conviven-

cia esperantista de gente de talante retrógado y de talante progresista? *La convivencia es posible, pero esta situación no deja de ser para muchos, bueno... para algunos, extraña. Yo soy de los que quieren utilizar el esperanto para cosas verdaderamente interesantes.*

De hecho Moritz, que parece un hombre muy resuelto y bastante impulsivo, tuvo algunos problemas hace años, tras un encuentro de esperantistas en Bilbao, al publicar un artículo titulado «España estrangula las minorías étnicas». Ese tipo de gente que se refería siempre a la neutralidad del esperanto le pusieron entonces de vuelta y media, lo que recuerda ahora con un cierto regocijo, antes de terminar informando sobre la situación del esperanto en Euskadi.

*Aquí Bilbao es el centro del movimiento, con un grupo reducido de personas muy activas que hace poco festejó el 75 aniversario de su creación. Luego hay otros en San Sebastián, Rentería, Ordizia, Eibar...* ¿Y en el Estado? *El núcleo más importante está en Cataluña, donde se ha creado una Asociación Catalana del Esperanto, que está teniendo algunos problemas con la española.*

Dirk Willkommen:

# FRISA LINGVO, NE EN LA RADIO!

En aŭtuno 1981 renkontiĝis en Niebüll (pron.: nibil), urbo tuj sude de la germana limo al Danio, grupo de personoj sin okupantaj pri la flegado de la tiea regiona frisa lingvo. Tiu ĉi renkontiĝo rezultigis rezolucion, kiun poste aprobis la "Friesenrat" (t.e. Konsilantaro de la Frisoj, komuna organo de ĉiuj frisoj en Germanio kaj Nederlando). Kune kun akompana letero la rezolucio estis sendita al Günter Pipke, la estro de la koncernata centro de "Norddeutscher Rundfunk" (NDR, t.e. nordgermana radio) en Kiel.

Jen citaĵoj el la rezolucio:

"Ni, reprezentantoj de la nordfrisaj institucioj, asocioj pri hejmregionaj aferoj kaj instruistoj postulas ĉi-voje ke la 'NDR' konsideru la legitimajn interesojn de la nordfrisoj kaj dissendu regule programerojn en la frisa lingvo. /...../ Ni atentigas pri la rekomendoj de la Eŭropa Konsilio n-ro 928 de la 7-a de oktobro 1981." En tiu teksto estas rekomendata la enkonduko de la gepatra lingvo en la lernejon kaj la agnosko kaj subteno de la minoritataj lingvoj laŭloke, ĝia uzo en la mezgradaj lernejoj kaj en la amaskomunikiloj, se la koncernata lingva grupo tion deziras.

Eroj el la akompana letero de la direktoro de la gimnazio en Wyk (pron.: vik, ĉefa urbo sur la insulo Föhr /pron.: fer/) interalie tekstas jene:

"Ni ne pridubas ke per tio nia lingvo - ne malpleje ĉe la nordfrisoj mem - atingus rimarkeblan altiĝon de prestiĝo. /...../ Ne estus kompreneble se la tendenco de 'NDR' al pli forta konsidero de la regionaj aferoj kaj interesoj ne ankaŭ gvidus al konsidero de tiu unika situacio en tuta Federacia Respubliko Germanio, nome la ekzisto de memstara lingvogrupo en la radioprogramo. Vi povas esti certa ke la lingve konsciaj nordfrisoj ankaŭ estonte decideme staros malantaŭ tiu postulo. La oftan argumenton ke oficiala institucio ne povas konsideri per propraj programeroj nombre tiel malgrandan grupon kiel la frislingvanojn en Norda Frislando, ni sentas kiel malatenton pri fundamentaj rajtoj de minoritato."

La respondo estis nea. Oni pridubis la nombron de frislingvanoj (tute pretervidante ke multaj ne-frisoj lernas la lingvon kaj ŝatus tiajn elsendojn) kaj argumentis ke oni ja sendas priregionajn programerojn (kompreneble en la germana lingvo). Komentoj precipe notis en la letero de la radioĉefo la frazparton: "Via demando (sed kiun vi cetere prezentis kiel postulon/...../"

Komentas Jacob Tholund: "Ni ankaŭ ne sukcesis en tiu ĉi aliro! Tio povas signifi nur ke ni devas fari novan aliron, eble rekomendindas persona interparolo kun sinjoro Pipke por pli komplekse motivi nian postulon kaj samtempe precizigi - kaj eble doni ekzemplojn - kiamaniere oni povus efektivigi tiajn elsendojn en nordfrisa lingvo. Ni ja tute ne intencas polemiki kontraŭ 'NDR'. Ni nur deziras ke oni komprenu niajn bezonojn - kaj subtenon por nia lingvo."

(Laŭ: "Nordfriesische Sprachpflege. Mitteilungen der Nordfriesischen Wörterbuchstelle der Christian-Albrechts-Universität Kiel", n-ro 2, februaro 1982.)

* * * * * * * * * * * *

ETNISMO plurfoje raportis pri la situacio en la tri Frislandoj (la okcidenta en Nederlando, la orienta kaj norda en FR Germanio). La plej gravaj artikoloj estas tiuj de Wim Jansen ("Frislando: La nederlanda ofte konsiderata la 'pli alta' lingvo" kaj "La frisa - deviga studobjekto" en n-ro 10 de 01. 11. 1975) kaj Dirk Willkommen ("La komplikaj nordfrisoj" en n-ro 20 de 01. 12. 1978). Ambaŭ kontribuaĵoj, de sume sep paĝoj, estas fotokopie riceveblaj kontraŭ 2 irk (inkluzive sendokostoj).

# IKEL-INFORMILO 10




## MEMBROKUNVENO

La membrokunveno de la INTERNACIA KOMITATO POR ETNAJ LIBERECOJ (IKEL) okazis la 3o-an de julio 1982, de la 17.15 ĝis la 19.15 h en la UK-ejo en Antverpeno. Ĉiuj membroj de IKEL jam ricevis, kun la estrara cirkulero de o4. o8. 1982, la protokolon kiun akompanas la kasraportoj koncerne la jarojn 198o kaj 1981, la bilanco de la 31. 12. 1981 kaj la buĝetoj por la jaroj 1982 kaj 1983. (Se iu ne-membro interesiĝas pri tiuj ĉi dokumentoj, li/ŝi povas ilin peti sendante 2 irk al la IKEL-prezidanto.)
Jen do nur resumo de la protokolo:

- memorigo pri la naskiĝo de la ETNISMO-ideo en Antverpeno en 1972;
- IKEL-membroj: 79 personoj el 34 etnoj en 4 kontinentoj;
- spezaroj kaj buĝetoj;
- ĉefaj aktivecoj: kunlaborado de la katalunaj IKEL-membroj en diversaj lokaj kaj regionaj programoj; prelegoj, seminarieto; eldonado de ETNISMO;
- decidoj: publikigi opini-esprimojn pri la estontaj aktivecoj de IKEL; publikigi laŭetnan membroliston; ellabori diverslingvajn informilojn; evoluigi la sugestojn de la "Åland-Ekskursa Laborgrupo"; buĝetoj; intensigi kontaktojn al etnismaj movadoj; formaligi la kunlaboron kun UEA;
- elektoj de novaj estraranoj (kun la estrare deciditaj laborkampoj):

| | |
|---|---|
| Prezidanto: | Uwe Joachim Moritz (platdiĉo), Im Römerfeld 44, D-518o Eschweiler, tel.: o24o3-16888, FR Germanio; ĝeneralaĵoj, redaktado de la revuo, kaso; |
| Vicprezidanto: | Llibert Puig i Gandia (kataluno), Güell Ferrer, 223, Sabadell (Barcelona), tel.: 93-71o9636, Hispanio; IKEL-kunvenoj ĉiunivelaj, kunlaborado inter IKEL-membroj kaj etnismaj asocioj, informbanko; |
| Vicprezidanto: | Renato Corsetti (italo), Via delle Cave, 82/C, I-oo181 Roma, tel.: o6-788997o, Italio; rilatoj kun UEA; |
| Sekretario: | Paŭlo S. Hopkins (anglalingva kanadano), 45 Mansion St., Kitchener, Ont., Kanado, N2H 2J5; informado kaj varbado de membroj en la Esperanto-movado; |
| Sekretario: | Neven Kovačić (kroato), Gorice 67, YU-41ooo Zagreb, tel.: o41-227-126, Jugoslavio; konstanta kontaktado kun la etnaj grupoj en Jugoslavio kaj raportado en la revuo. |

## ESTRARKUNSIDO

La nova estraro, kiu estas esence pliinternaciigita (nun 5 etnoj kompare al nur 3 en la antaŭa), jam kunsidis en Antverpeno la 31-an de julio 1982. Ĝi distribuis la taskojn, fiksis kelkajn teknikaĵojn, decidis pagi ŝuldojn al la eldonanto de ETNISMO, decidis ke la unuopaj estraranoj administru la IKEL-kotizojn kaj ETNISMO-abonojn (escepto por Italio kie tiujn taskojn pluplenumas la IKEL-komisiito Norberto Saletti, Via Libia 2o/4, I-4o138 Bologna, poŝtĝirkonto: 128564o7 Bologna) kaj ekstudis la eblecojn por etnismaj programeroj (prelegoj, ekskursoj) okaze de la UK en Budapeŝto.

## FAK-PRELEGO: BELGIAJ ETNOJ

Kvankam la administraj kunsidoj estas nepraj kaj gravaj, tamen, la plej interesa kunveno de IKEL-membroj kaj ĉiaj interesiĝantoj estis evidente




la prelego de Marc Demonty (Bruselo) pri la temo:

**PROBLEMOJ KAJ PERSPEKTIVOJ DE LA PLUR-ETNA ŜTATO BELGIO: VALONOJ, LECEBURGANOJ, FLANDROJ, ORIENT-BELGOJ KAJ BRUSELO.**

(Resumo de la prelego estas eldonita okaze de la UK kiel represaĵo el ETNISMO, kaj ĝi estas ricevebla kontraŭ 1 irk ĉe la adreso de ETNISMO.)

Poste aro da ĉeestantoj faris multajn demandojn pri detaloj: agnosko oficiala de la flandraj kaj valonaj dialektoj, pozicio de la pikarda en Belgio, komprenebleco inter la diversaj dialektoj, rolo de la leceburga, devigo de la lernantoj studi la respektive alian ŝtatan lingvon, aspektoj de federaciiĝo de Belgio, ktp. Estas rimarkinde ke verva flandra etnisto publike substrekis la objektivecon de la prelego de Demonty.

Cetere, post tiu ĉi prelego tuj aliĝis kvin novaj membroj al IKEL.

# ETNOJ REPREZENTATAJ EN IKEL

(Unua listo)

A s t u r i a

Faustino Castaño Vallina, Magnus Blikstad, 17-4º-J, Gijón (Asturio), Hispanio;

B a j u v a r a

Josef Hell (jun.), Feichten 1, D-8223 Trostberg, tel.: o8621-412o, FRG;

B r e t o n a

Per Denez, Ri Ploare, F-291oo Douarnenez, Francio;

E m i l j a

Norberto Saletti, Via Libia 2o/4-1, I-4o138 Bologna, tel.: o51-342236, Italio;

F r a n c a

Jacqueline Lépeix, 82 avenue Jean Jaurès, F-671oo Strasbourg, tel.: 88-44o291, Francio;

Jean-Claude Thumerelle, Place de la station 16, B-779o Warneton, tel.: o56-5576o6, Belgio;

G a l e g a

Pío Moa Banga, Gran Vía, 19o, Vigo (Pontevedra), tel.: 986-234255, Hispanio;

G e r m a n a

Franz Casar, Jahrmarktgasse 18, A-9o2o Klagenfurt, tel.: o4222-428o22, Aŭstrio;

Gunther Hotz, Tuchbleiche 14, D-6943 Birkenau, tel.: o62o1-31715, FRG;

Dirk Willkommen, Olmützer Weg 1, D-8o45 Ismaning, tel.: o89-965612, FRG;

I t a l a

Renato Corsetti, Via delle Cave, 82, I-oo181 Roma, tel.: o6-788997o, Italio;

Duilio Magnani, Viale Carlo Zavagli 73, I-47o37 Rimini, tel.: o541-26447, Italio;

K a ŝ u b a




Andreo Marszałkowski, str. Szymczaka 1 m 3, PL-83-300 Kartuzy, tel.: 81-19-59, Pollando;

K a t a l u n a

Joan Inglada i Roig, Sant Magí 20-3, Vilanova i la Geltrú (Garraf), tel.: 93-8937176, Hispanio;

Mercedes Moritz, Im Römerfeld 44, D-5180 Eschweiler, tel.: 02403-16888, FRG;

Jozefo-Maria Pi i Jinot, str. Rep. Argentina, 17, 1ª, 1ª, Barcelona-23, tel.: 93-2119865, Hispanio;

Oscar Puig i Cánovas, Pau Claris, 140, baixos, 1ª, Sabadell (Vallès Occ.), tel.: 93-7262470, Hispanio;

Llibert Puig i Gandia, Güell Ferrer, 223, Sabadell (Vallès Occ.), tel.: 93-7109636, Hispanio;

O k c i t a n a

Lucien Angevin, rue Bernard Lazare, F-30740 Le Cailar, Francio;

P l a t d i ĉ a

Uwe Joachim Moritz, Im Römerfeld 44, D-5180 Eschweiler, tel.: 02403-16888, FRG;

S k o t a

William M[c]Callum, 4 Hornshill Farm Road, Stepps, Glasgow G33 6DE, tel.: 041-7792265, Grandbritio;

S l o v e n a

Jožica Židanik, Podkraj-Hrušica 104 a, YU-65273 Col, Jugoslavio;

S v e d a

Mats Landfors, Hovrättsbacken 14, S-85234 Sundsvall, tel.: 060-120255, Svedio;

Sen difinebla etnaneco:

Christopher Fettes, St. Columb's College, Dublin 16, Respubliko Irlando.

Tiu ĉi adresaro, kiun ni konstante kompletigos, servu por plifaciligi interkontaktiĝon de la IKEL-membroj. Evidente, se ne-membro deziras informiĝi pri la situacio en iu el la menciitaj etnoj aŭ ŝtatoj, tiu rajtas turni sin al la koncernata(j) IKEL-membro(j).

## KULTUR < GRAMOJ / BILDOJ ?

Dum la 67-a Universala Kongreso, la Komitato de UEA komisiis al la estrarano pri kulturo, s-ro Baldur Ragnarsson, verki planon por eldoni koncizajn informilojn pri diversaj kulturoj (sub la provizora serio-titolo de "kulturgramoj"). Tiuj informiloj estu strukture kaj enhave verkataj laŭ difinita modelo:

KULTURGRAMOJ estas informiloj, kiuj donas koncizajn informojn kaj klarigojn pri la ĉefaj trajtoj de difinitaj kulturoj kaj iliaj medioj kaj pri la rilatoj inter ambaŭ. Per tio ili celas krei komprenon kaj sentopreton de la legantoj pri la koncernaj kulturoj kaj tiel helpi al disvolvo de interkompreno kaj preteco partopreni en esploroj pri aliaj kulturoj sen




antaŭjuĝoj. Ŝajnas akceptinde ke Esperanto estu uzata por tiaj bazaj informoj verkitaj de diverslandaj aŭtoroj laŭ difinita programo kaj ke la Esperantaj kulturgramoj poste serĉu vojon prezentiĝi ĉe la diverslandaj eduksistemoj pere de tradukoj, ĉar en multaj landoj mankas tiaj informoj kiuj estas samtempe fidindaj kaj egalrajte prezentitaj, ĉu pri grandaj aŭ malgrandaj kulturoj.

La kulturgramoj estu laŭeble bazitaj sur sama sistemo de enhavo kaj prezento. Signifaj apartaĵoj tamen estas aldoneblaj laŭ la cirkonstancoj.

Ĉefaj eroj de enhavo:

1. Situo kaj kulturo. Rilatoj inter kulturo kaj fizikaj medioj, situo de lando aŭ regiono, klimato, tero, maro, ktp. Topografiaj detaloj ne havas ĉi tie lokon.
2. Historio kaj kulturo. Rilatoj inter kulturo kaj historio de popolo aŭ homgrupo.
3. Lingvo kaj literaturo. Signifaj faktoj pri la kulturportanta lingvo, statuso de literaturo en la kultura komplekso.
4. Edukado. Ĝisdate detalaj, sed koncizaj informoj pri la sistemo kaj stato de la ĝenerala edukado en la koncerna lando/regiono. Eldonado, lingvaj scioj.
5. Reĝimo. Fidindaj informoj pri la politika bazo.
6. Ekonomio. Ekonomiaj cirkonstancoj. Plej gravaj vivrimedoj, laboraj kondiĉoj, stato de vivnivelo.
7. Trafikebloj kaj komunikiloj. Trafikaj servoj, telefono, gazetoj, radio, televido.
8. Religio. Kredoj, eklezio, kutimoj.
9. Sanitaraj servoj. Sistemo, sanstato.
10. Tradiciaj kutimoj. Nomoj, tradicioj, festotagoj, distraĵoj kaj sportoj, manĝaĵoj, vestaĵoj, salutoj kaj vizitoj, konversaciaj tendencoj.
11. Utilaj vortoj kaj esprimoj. Salutvortoj, dankesprimoj.

Ĉiuj membroj de IKEL kaj ĉiuj aliaj legantoj de ETNISMO estas insiste petataj aktive kunlabori en tiu ĉi konkreta projekto!

Kiel vi povas kunlabori? Tre simple: Verku prezenton de la via-etna kulturo laŭ la supra skemo, en 4 dense tajpitaj A-4-formataj paĝoj. Jen ĉio! Tamen, se vi serioze pretas kunlabori, postulu antaŭe fotokopion de la kulturgramo pri Islando kiun eksperimente verkis Baldur Ragnarsson. Vi ricevos ĝin, kontraŭ 1 irk ĉe la prezidanto de IKEL.

(Cetere, la serio-nomo ne jam estas definitiva; anstataŭ "kulturgramoj" ekzistas ankaŭ jenaj sugestoj: "kulturskizoj", "kulturbildoj", "kulturdozo", "kulturgrajnoj", "kultureroj". Interesatoj diru sian opinion ankaŭ pri tiu ĉi ero.)

# LA ÅLAND-DEKLARO

Okaze de la Stokholma Universala Kongreso, 33 kongresanoj ekskursis al la Åland-insuloj (svedlingvaj enloĝantoj sub suomia suvereneco). El la seshoraj diskutoj rezultis jena deklaro (kiun ni represas el ETNISMO 25):

- La laborgrupo kunsidinta dum la vizito al Åland-insuloj agnoskas ke inter la fundamentaj homaj rajtoj estas la rajto uzi sian propran lingvon por rilatoj kun siaj samlingvanoj.
- La laborgrupo konscias ke efektiviĝo de tiu rajto estas pli malfacila por homoj apartenantaj al lingvaj minoritatoj. Ĝi konscias ke ĝuste pro tio la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj dum sia 1496-a enplena sesio, la 16-an de decembro 1966-a, per sia rezolucio 22oo A




/XXI/ aprobis la artikolon 27-an de la Internacia Interkonsento pri Civilaj kaj Politikaj Rajtoj, kiu tekstas jene:
"En ŝtatoj, kie ekzistas etnaj, religiaj aŭ lingvaj malplimultoj, ne eblas senigi homojn apartenantajn al tiuj malplimultoj je la rajto havi, kune kun la ceteraj anoj de sia grupo, sian kulturan vivon, deklari kaj praktiki sian religion, aŭ uzi sian lingvon."

- Pri la difino de la esprimo "minoritato" la laborgrupo notas la difinon utiligatan de UN-instancoj rilate al la menciita artikolo 27-a /vidu interalie la dokumenton de UN E/CN.4/ Sub.2/384/Rev.1/, tio estas:
"Grupo laŭ nombro malpli granda ol la cetera ŝtata enloĝantaro, en nesuperrega pozicio, kies anoj, kvankam civitanoj de la koncerna ŝtato, havas el etna, religia aŭ lingva vid-punkto malsamajn ecojn rilate al la cetera loĝantaro kaj esprimas, ankaŭ nur maleksplicite, senton de solidaro pri konservo de sia kulturo, tradicio, religio aŭ lingvo."
- La laborgrupo notas ke la Esperanto-movado interesiĝas pri la lingvaj-kulturaj aspektoj de la problemoj rilataj al la ekzisto de minoritatoj.
- La laborgrupo rekomendas ke la esperantistoj subtenu agadojn celantajn efektivigi la menciitajn principojn kaj tute aparte agadojn celantajn efektivigi kaj defendi la rajtojn de minoritataj lingvoj en edukado, komunikado, administrado kaj en la cetera publika vivo. Ili klopodu laŭ siaj eblecoj subteni tiujn agadojn je ĉiuj niveloj.
Je internacia nivelo UEA kunlaboru kun UN-instancoj okupiĝantaj pri ĉi tiu problemo /ekzemple: Unesko, la Sub-Komisiono por Lukto kontraŭ Diskriminaciaj Agoj kaj por Protekto de Minoritatoj/.
Je ŝtata nivelo Landaj Esperanto-Asocioj kunlaboru kun instancoj, kiuj agas por efektivigi kaj defendi la lingvajn rajtojn de la enŝtataj minoritatoj.
Je loka nivelo Esperanto-grupoj en regionoj, kie loĝas lingvaj minoritatoj, starigu kontaktojn kun tiuj minoritatoj.
- La laborgrupo reasertas ke la internacia lingvo Esperanto estas longperspektive la plej taŭga kaj maksimume sendiskriminacia maniero de lingva komunikado trans ĉiunivelaj lingvaj limoj.
Ĝi rekomendas konkretan studon de la apartaj situacioj.
- La esperantistoj klopodu disvastigi scion pri la potencialoj de la internacia lingvo Esperanto inter anoj de lingvaj minoritatoj.
- Por la realigo de la ĉi-supre menciitaj ideoj la estraro de UEA estas petata:
    - intensigi sian kunlaboron kun UN-instancoj en ĉi tiu kampo kaj ekkunlabori kun internaciaj neregistaraj organizaĵoj, kiuj okupiĝas pri ĉi tiu temo;
    - doni apartan atenton al kleriĝo de la membroj de UEA pri ĉi tiu temo pere de la asociaj publikaĵoj kaj de aliaj taŭgaj rimedoj /stud-kunvenoj, ktp./, kunlabore kun CED, kun Landaj Asocioj kaj kun Fakaj Organizaĵoj;
    - subteni la pretigon de baza inform-materialo pri la kunligoj inter la celoj de la Esperanto-movado kaj la celoj de la agadoj favore al lingvaj minoritatoj, kiu estu tradukata al kiel eble plej multe da minoritataj lingvoj;
    - instigi membrojn de la asocio verki informilojn kaj lernilojn pri la internacia lingvo Esperanto ankaŭ en tiuj lingvoj.

K i o   o k a z i s   d u m   l a   p a s i n t a j   d u   j a r o j ?

Pli-malpli nenio por efektivigi la ideojn de tiu Åland-Deklaro! En UEA neniu plu mencias ĝin. Ĉu tiu Deklaro eventuale havas la figofolian **funkcion** kamufli la kutiman malpretecon de esperantistoj defendi minoritatajn lingvojn kaj kulturojn? - Kaj, kion **V I   M E M** faris?

# LETERO DE LEGANTO



Kara amiko:

La 1o-an de julio okazis kataluna kunveno de IKEL en Sabadell. Nia amiko Llibert Puig bone informis pri la aktivado de IKEL kaj pri ETNISMO, kiu kvankam privata eldono, certe estas la iniciatoro pri la fondiĝo de IKEL. En la kunveno mi esprimis miajn opiniojn laŭ la konstato ke entute la afero ne iras antaŭen kun la dezirata prospero, kiun ĝi meritas. Mi perceptis pli pesimismon ol entuziasmon, kaj laŭ mia opinio, mi trovas ke la IKEL-aktivado tro fermiĝas en la denunco de malĝustaĵoj, kiuj estas certaj, sed ne sufiĉe traktas pri la solvoj, kiuj laŭ la nuntempa civilizacio devas esti mondskalaj.

Tion dirinte, mi devas esprimi la konceptojn, kiuj laŭ mia opinio rajtigas la etnismon. La nuna mondo pro la industriiĝo kaj la modernaj iloj de komunikado fariĝas tre malgranda kaj minacata de unununura regopovo. Se okazus atom-mondmilito kaj la homaro ne pereus, certe la venkinto, ĉu Usono, ĉu URSS mastros ĉiujn. La mondo fariĝos unuformeca, regos la ĉefa lingvo de la venkinto, kaj la homoj amasiĝos trude en servuta unuformeco. La libereco, kompreneble, tute malaperos, ĉar libereco, ĉu individua, ĉu popola estas la rajto al la personeco, al propra individua identeco. Sed la libereco nek individue nek popole venkos per nura pasiva aŭ eĉ aktiva rezistado. La nuna civilizacio estas en krizo, kiu kunprenas ekonomian krizon, riskon de mondmilito, ktp., kaj pro tio, tiel la individua libereco kiel la kolektiva de kiu ajn popolo devas esti aranĝita mondskale. Pri tiu vidpunkto mi trovas ke la revuo ETNISMO bone traktas pri la maljustaĵoj kaj subpremadoj al la popoloj, sed ne sufiĉe pri mondorganizo, en kiu estos ne nur respektata, sed eĉ ebligita tiu fundamenta rajto al la propra personeco, ĉu individua, ĉu popola. Tial mi sugestis al nia amiko Llibert mian vidpunkton pri "Federacio de Liberaj Popoloj de Eŭropo" (de la Atlantiko al la Uraloj) kaj tiu federacio kiel komenciĝo de la tutmonda. La Federacio devas esti surbaze de rekta etna federacio, kun malapero de la nunaj regantaj ŝtatoj. Tiel, ekzemple, Katalunio rekte estos federaciita al la Eŭropa Komunumo sen deviga trairo tra Madrido.

Eble vi trovos mian penson utopia aŭ nepraktikebla, sed ni devas klare percepti ke oni troviĝas antaŭ krizo de civilizacio, kun risko de monda atommilito, kaj antaŭ tiuj eventoj la rutina pensado ne taŭgas. Tiel same la aktuala ekonomia krizo ne povas solviĝi laŭ la nunaj ŝtataj kadroj kaj tutsame ne en sendependaj etnaj ŝtatetoj. Mi devas rimarki ke la etnaj popoloj perdis sian liberecon pro sia milita malforteco. La centralizaj ŝtatoj venkis milite la etnajn. Pro tio la centralismo dum la pasinta jarcento havis tiom da apogantoj, eĉ en la maldekstraj medioj. Napoleono centralizis Francion kaj venkis en Eŭropo. Poste la aliaj ŝtatoj ankaŭ centraliziĝis, Germanio sub Bismarck, kaj Italio helpe de Garibaldi per la starigo de la monarkio. Rusio centraliziĝis ekde sia fondiĝo, kaj Polio pro la necentralizo estis dispartigita.

En la pasinta jarcento la etna naciismo estis propra de la dekstruloj. Ĝi estis reago de la feŭdismo kontraŭ la centrismo kiu precize abolis la feŭdismon. Mi permesas al mi rimarkigi tiun fakton, ĉar se oni ne klare perceptas tion, la etnismo povas fariĝi reakcia revo por retroiri al pasintaj epokoj, kiel la mezepoko, kaj tio ne estas alloga, ĉar malprogresema. La romantikismo imagi la pasintecon kiel eklogan socion estas miraĝo.

Tion dirinte por klarigi miajn vidpunktojn, mi revenas al la sugesto, kiun mi donis al Llibert por ke li transdonu ĝin al vi okaze de revido dum la kongreso de UEA. Mia deziro estas kontribui al la revivigo de IKEL, ETNISMO kaj la movado entute. Mia opinio rilate la revuon ETNISMO estas ke duono el la paĝoj estu destinitaj kiel nuntempe al elmontro kaj denunco de maljustaĵoj al la etnaj popoloj, sed ke la alia duono de la revuo traktu precize pri la sociaj kaj politikaj kondiĉoj, kiuj ebligos la solvojn de tiuj maljustaĵoj. Antaŭ ĉio oni devas solvi la firmigon de la pa-

co, aranĝi la sociajn konfliktojn, komenci mondorganizadon de la ekonomio por solvi la ekonomiajn krizojn, kaj eĉ oni devas okupiĝi pri la ekologia problemaro, kiu ankaŭ estas mondskala kaj tre grava en baldaŭa estonteco.

La libereco de la etnaj popoloj trairas tra "Mondfederacio de Liberaj Popoloj". Serĉi tiun liberecon en la tuta sendependigo sen la posedo de forta militpovo, ekzemple Israelo, estas kandidati por la ĉiama malvenko. Nur la unuiĝo de la malfortuloj povos venki fortulon. Do, la agado devas esti komuna, kolektiva, krom la individua, cele establi novan pacan kaj liberan civilizacion, en kiu ĝuste povu regi la unueco en la diverseco, kio ebligas la identecon.

Kun la deziro kontribui al la komuna agado, elkore salutas vin

13. 07. 1982 (subskribis) Giordano Moya Escayola
Balmes, 38 (3ª)
Terrassa (Barcelona)
Hispanio

Estimataj gelegantoj,

bonvolu opini-esprimi pri tiu ĉi letero de s-ro Moya Escayola, kaj ni publikigos viajn leterojn (aŭ almenaŭ ties ĉefajn alineojn) en la sekvantaj numeroj de ETNISMO. Tiel espereble la diskuto pri la etnisma idearo iom vigliĝos.

Sincere via

REDAKCIO.

---

# KONCIZE EL.....

**CORTE.** La 8-an de julio 1982 okazis en la insulo Korsiko, apartenanta al la Franca Respubliko, la unuaj rektaj balotoj por regiona parlamento en la kadro de la leĝo pri malcentrigo. Kvankam la kompetentecoj de la regionaj institucioj estas plorige ridindaj, tamen relative multaj korsikanoj partoprenis la balotojn: 68,84 %. El la 61 parlamentaj seĝoj, la burĝa opozicio (kvankam dividita en plurajn partiojn) okupas 30, dum la socialistoj havas nur tri, la komunistoj sep, aliaj maldekstruloj (dividitaj en nordan kaj en sudan frakciojn) sume 11, du grupetoj po unu, kaj la "Unio de la Korsika Popolo" (UKP) sep seĝojn. Ĉi-lasta partio, kiun gvidas Edmond Simeoni, pledas por ampleksa aŭtonomio kaj povos ludi la decidan rolon en la korsika politiko. Ĝenerale la rezulto de tiuj ĉi balotoj estas konsiderata kiel malsukceso de la kampanjo, organizita far la "Fronto de la Nacia Liberigo de Korsiko", favore al la sindeteno. Tiu ĉi FNLK celas la sendependecon de la insulo.

**BARACALDO.** Kiam Andoni Goiriena devis forlasi la domon, en kiu li havis kelkajn ejojn, li aĉetis ruldomon. Kiam tiu ĉi montriĝis tro malvasta por liaj celoj, li aĉetis ..... aŭtobuson. La proprietulo bezonas sufiĉan spacon por instrui la eŭskeran lingvon, kaj post mallonga tempo la aŭtobuso estos dividita en tri sekciojn por bibliotekoj kaj studejo. Goiriena intencas instali ankaŭ malgrandan son-bibliotekon. Nuntempe li jam havas 34 gelernantojn.

**MADRAS.** En la sudo de la Hinda Unio bolas diskutoj kaj kvereloj pro lingvaj diferencoj. Komence de julio 1982 mortis kvin homoj en la mineja urbo Kolar pafitaj far policistoj. En la federaciana ŝtato Karnatako adeptoj de la regiona naciismo celas la enkondukon de la koncernata branĉo de la dravidaj lingvoj kiel la unuan oficialan komunikilon (tiu ĉi kanaran lingvon parolas en suda Hindio proksimume 14,5 milionoj da enloĝantoj). Ili esperas, per tiu ĉi anstataŭigo de la angla lingvo, fari plian paŝon direkte al malpli da dependeco de Novdelhio.
En la anglalingva taggazeto "The Hindu" evoluis ampleksa diskutado pri la problemo de la lingvouzo en la sudaj ŝtatoj. Unu el la skribintoj riproĉis la "nordulojn" pro ilia kompleta neklopodo lerni iom post iom la dravidajn lingvojn kiam ili ekvivas en la sudo por longeta tempo. Li demandas kiun rajton havas tiuj norduloj postuli uzadon de alia ol la regiona lingvo dum ili, en Novdelhio ekzemple, ĉie uzas ekskluzive la hindian lingvon.

# Etnismo-JUBILEETO, SEN JUBILO.....

Tiu ĉi estas la 30-a numero de bulteno aperinta la unuan fojon antaŭ iom pli ol 10 jaroj, la 10-an de majo 1972. Jen ni represas la sinprezentan artikoleton el ETNISMO 1:

## K I A L   E T N I S M O   ?

Aperigante tiun ĉi unuan numeron de ETNISMO ni konscias la riproĉon leviĝontan: "Anstataŭ plimultigi la gazetojn kaj bultenojn uzantajn la Internacian Lingvon, necesegas koncentri la fortojn al kelkaj malmultaj revuoj altkvalitaj!" Konsentite. Sed ..... tiu ĉi informilo ne estas komparebla al tiu de loka klubo aŭ ĝenerala tutlanda asocio; ETNISMO estas klare specialiĝinta pri unu certa problemaro - tiu de la etnoj. Tiu ĉi informilo estas kaj restos teknike tre simpla (ĉar enhavo pligravas ol eksteraĵo, kaj lukso ne estas ekonomia) kaj malmultekzemplera (ĉar ĝi estas destinita por kelkdeko da aparte interesataj personoj).
ETNISMO estos nete ne neŭtrala. Ĝi traktos ĉiujn politikajn, ekonomiajn kaj kulturajn problemojn koncerne etnojn, kaj ĝi propagandos certajn ideojn. Ni opinias ke ETNISMO utilos por konsciigi sian publikon pri larĝeco horizonta bezonata por funde kompreni la mondan lingvo-problemon. Luktado kontraŭ lingva diskriminacio neniel povas limiĝi al la ŝtataj lingvoj, sed ĝi devas, kondiĉe ke ĝi estas sincera, konsideri samtempe la ŝtatinterne malfavoratajn lingvojn de etnaj minoritatoj.
Difinante "etnon" kiel la tuton de tiuj homoj kiuj parolas denaske, sen ŝtata aŭ simila premo kaj principe sur ĉiuj kampoj de la homa vivo la saman lingvon, ni esprimas per "etnismo" la ideon ke la etna grupo estas unu el la gravaj faktoroj determinantaj la homan vivon. Tamen: Kvankam aparteno al unu sama etno havas certajn sekvojn por la evoluo de la koncernataj homoj, tiu etna komuneco tute ne signifas ke temus pri eterne fiksita stato por tiuj sametnanoj. Etnoj ŝanĝiĝas, disfalas, fandiĝas, "naskiĝas", "mortas" tra la jarcentoj. Jen unu etno organiziĝas en unu ŝtato, jen en pluraj, jen diversaj etnoj kune formas unu ŝtaton. Etnismo neniel absolutigas la ekziston de tiu kaj alia kaj multegaj pliaj etnoj. Etnismo nur notas la faktojn pri la etnoj kaj batalas por respekto antaŭ la propreco - la "personeco", se oni volas tiel diri - de ĉiu etno kaj kontraŭ lingva kaj kultura imperiismo.
"Etna demokratio" estas konsiderenda kiel plia plia ŝtupo survoje al la liberigo de la homoj post la agnosko (kvankam ne efektivigo!) de la individua libereco kaj individua egaleco de la civitanoj.
Kaj, evidente, ETNISMO pledos por la utiligo de ĉiu unuopa etna lingvo en la kadro de la respektiva etno kaj por la uzado de Esperanto en ĉiuj interetnaj rilatoj.

* * * * *

Dum siaj unuaj 10 jaroj ETNISMO konservis kaj plifortikigis certe la esencajn elementojn de tiu kvazaŭ-deklaro de principoj, sed akcesoraĵoj ŝanĝiĝis: ĝiaj produktotekniko, amplekso kaj abonkotizo (la unuaj 5 numeroj estis senkoste riceveblaj!), kaj kontraŭe al la unuanumeraj 40 aŭ 50 ekzempleroj nun eliras inter 300 kaj 500 ekzempleroj de ĉiu numero. Sed tutcerte ĉi tiu jubileeto ne estas okazo por jubilo, ĉar la "entrepreno" estas ankoraŭ klare deficitiga kaj, plej grave, la plej multaj uzantoj de la Internacia Lingvo ne jam komprenis la esencon de la ĉi-supra artikolo el 1972 .....

**Etnismo** *Informilo pri etnaj problemoj*

Eldonas kaj redaktas: Uwe Joachim Moritz, Im Rômerfeld 44, D-5180 Eschweiler (FRG), tel.: (49-2403) 16 888; poŝtĝirkonto: 232612 - 306 Hannover; ĝirkonto ĉe UEA: 5640.
Jarabono (kalendara jaro, kun 3 numeroj): 10,-- gm (11 internaciaj respondkuponoj). La IKEL-kotizo de 22,-- gm jam inkluzivas la abonon de ETNISMO.

Tiu ĉi estas la unua numero por 1982.